

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

ANO XVI Nº 225-226-227 ENERO-JUNIO 1978

«Fraulino Esperanto 1978» Rosa Ramos i Sola, okaze de Karnavala Festo en Centro de Esperanto Sabadell.

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 2401428
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:
D. Llibert Puig
D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ci tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; gi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERA
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombr
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº Marina Moreno, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

# KOMENTO

Pluraj monatoj pasis kaj multaj novaĵoj okazis ekde kiam vi ricevis la lastan numeron de BOLETIN eldonita en Madrid. Nun, denove Boletín, eldonita ekde nun en Valladolid, estas en viaj manoj por informi vin pri ĉio interesa kiu okazis en la esperantista mondo, ĉefe en la hispana.

Multaj gravaj eventoj, ja, okazis dum la ne publikigo de BOLETIN kaj pri ili ni aperigos, se ili ekzistas, raportojn kaj notetojn.

La plej grava inter ĉiuj eventoj estas la eldonado de la impona, serioza kaj grandioza traduko farita de Akademiano Fernando de Diego de la romano de D. Miguel de Cervantes Saavedra «La Inĝenia Hidalgo D. Quijote de la Mancha», evento kiu ĉiuj salutis kiel la plej grava kaj interesplena romano tradukita pasintjare. La traduko farita en eleganta kaj sobria esperanta stilo, konservas plene la cervantecan spiriton, kaj se al tio ni aldonas ke la libro estas bele ilustrita per ilustraĵoj de Gustavo Doré, ni bone povas kompreni la ampleksan ekon kiu ĝi trovis tra la tuta esperantista mondo.

Niaj Grupoj, kiuj estas la fontoj kie naskiĝas novajn geesperantistojn, kaj kie oni devas labori por ke ili kresku ĉiutage en ilia ellernado de la internacia lingvo, daŭrigis kaj daŭrigas, malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, ilian agadon por la disvastigo de Esperanto. Certe, en la penso de ĉiuj estas la nomon de tiuj grupoj kiuj, ĝenerale, plej elstaras pro sia agado, sed ni ne mencias ilin, kvankam, kompreneble, ni rekonas iliajn kvalitojn kaj meritojn, ĉar eble tiuj Grupoj pri kiuj ni preskaŭ neniam aŭdas, same energie kaj efike intencas labori, sed siaj klopodoj ne atingas la deziratajn fruktojn.

BOLETIN havas apertaj siajn paĝojn por ke en ĝi estu publikigata ĉion, kion laŭ vi, estos interesa. En nia opinio pli interesa estas la agado de niaj grupoj kaj sekcioj.

La varieco kaj la altvaloreco de la enhavo de BOLETIN ne estas afero nur de la redakcia komitato, sed de ĉiuj kapablaj samideanoj loĝantaj tra la tuta lando, kaj al kiuj ni petas, eĉ petegas, siajn kunlaboraĵojn por ke BOLETIN atingu la nivelon de ĉiuj dezirata.

Ni konscias ke, eble, BOLETIN havos artikolojn pri kies enhavo vi tute malsame opinias, sed kiel prave diris nia Majstro D-ro Zamenhof, Esperanto estas ĉies propraĵo.

# SCIENCA PROG
# VIVKREADO E

Kiam oni interesiĝas pri la konstanta progresado en la scienca tereno, la akiritaj konoj kaj la atingitaj rezultatoj tute revigas nin. Tiel do, estu al mi permesata hodiaŭ paroli pri la vegetaja fotosintezo efektiviĝanta pere de la klorofilo. La vegetaĵoj uzas karbondioksidon kaj akvon por sintezi amelon kaj oksigenon. Kiamaniere? kiel bone vi scias, la celoj de la arbaj folioj, herboj kaj mikroskopaj vegetaĵoj, enhavas verdan substancon —la Klorofilo—, kiu, sub la influo de la sunlumo, asimilas la karbonon kaj lasas la oksigenon libera. Tiun gason bezonas personoj, bestoj kaj plantoj. Nu: Dank'al tiu grava procezo, ekzistas vera ekvilibro en la atmosfero koncerne la kvanton da ambaŭ kemiaj elementoj. Se la vegetaĵoj ne utiligus la karbondioksidon, la aero veneniĝus tiamaniere, ke la ekzistado de la personoj, bestoj kaj plantoj ne estus ebla.

Pro tiu kemia fenomeno, fakte okazas komuna intersanĝo inter la bestoj kaj vegetaĵoj, kiun oni nomas simbiozo. En la Naturo, tiu simbioza procezo estas tre ofta inter la cititaj protagonistoj kaj aliaj bakterioj, kiuj en diversaj fiziologiaj funkcioj helpas sin reciproke; saĝa leciono por la homoj, kiuj sen la helpo de malsuperaj bestoj kaj mikroskopaj plantoj, ili reale ne povus vivi.

Estas tre signifa la agado de tiaj verdaj mikroskopaj elementoj, kiuj atingas nur 10% de la tuta fotosintezo. Rilate tion, jen interesa kuriozaĵo: Laŭ sinjoro Morris Goran Ph. D. profesoro pri fizikaj sciencoj en la Universitato Roosvel, la totala kvanto da fotosinteno efektiviĝanta sur la tersupraĵo estas la jenaj ciferoj: 150 mil milionoj tunojn da karbono utiligas pojare la vegetaĵoj kaj mil milionoj tunojn da hidrogeno por produkti 400 mil milionoj tunojn da oksigeno.

La fotosintezon malkovris la angla sciencisto JOSEFO PRIESTEY, kiu antaŭe estis eltrovinta ankaŭ la elementan gason oksigeno. Ĝuste pri tio, pluraj biokemiaj laboroj fare de ekspertaj sciencistoj konstatis, ke la menciita fenomeno povas efektiviĝi sen la klorofilo, tio estas, per la agado de substancoj de aliaj koloroj kaj aliaj kemiaj reagoj, kies procezon oni studas ankoraŭ.

En la scienca vidpunkto, diversaj progresoj estas evidentaj kaj transcendaj en la medicina kaj kirurgiaj kampoj, ĉar la procedoj kaj teknikaj rimedoj perfektiĝis eksterordinare kaj permesas fari rimarkindajn kaj

# ESO KAJ

# LABORATORIO

ekzaktajn prognozojn pi multaj malsanoj, kies kuracado kaj sanigo estas pli eblaj kaj pli sekurigaj ol antaŭe; tio signifas la liberigon de multaj kaj ĉiaj malsanuloj kaj suferantoj el la mortungegoj. Koncerne la stomakmalsanojn, usonaj kaj japanaj specialistoj inventis tre taŭgajn aparatojn. Unu el la plej interesaj estas sendube la moderna GASTROKAMERO kun longa sondilo, en kies pinto lokiĝas fotilo tre eta, sed kapabla kapti la internajn kavaĵojn kaj sulkojn de la stomako kaj foti ilin precize.

Pere de tiu praktika instrumento, la kuracistoj povas studadi konvene per la koncernaj kliŝoj, kian ajn stomak-malsanon aŭ aliajn anomaliojn au nenormalaĵojn de la grava organo. Tiu japana aparato enhavas alian perfektigitan sondilon kun tri tre etaj tubetoj kun la respondaj koloroj bazaj: ruĝa, blua kaj flava. Dank'al speciala elektrona konbino de ili, la kolorigitaj fotoj povas esti poste televidotaj sur la televizoro, tio kio reprezentas grandajn avantaĝojn por la kirurgoj, kiuj surbaze de tiaj imagoj realaj, povas operacii kun totala sekureco kaj plena sukceso.

Apartan komentarion meritas la kirurgia laboro fare de la sudafrika profesoro C. Barnard. Lia aŭdaco kaj kuraĝo kaŭzis fortan impakton, ne nur en la sciencan mondon, sed ankaŭ en la ĝeneralan publik-opinion. Tiu historia evento malfermas novajn horizontojn kaj neatenditajn perspektivojn por la homaro, kaj samtempe, konsistigas per si mem, veran esperfonton por la senesperigitaj malsanuloj. Kompreneble, la menciita kirurgia operacio estigis kaj estigas diversajn kritikojn rilate al sia probabla malsukceso; sed ĉiam okazas same kiam aperas nova ideo, netradicia metodo revoluciiganta ĉion, ĉar la rutino kaj kutimo forte kontraŭstaras kaj bremsas tion kio reprezentis aŭtentikan ĉiaspecan progreson.

Pri la malakcepto de la transplantita koro, restas multo dirota kaj farota, car laŭ eminentaj specialistoj, ĝia sukceso dependos de gravaj faktoroj praktike studendaj. Ankaŭ la greftado de la vejnoj supozas seriozan problemon, eble unu el la plej malfacilegaj, laŭ kompetenta opinio de famaj doktoroj kaj eminentaj fakuloj, kiuj delonge praktikadis vejnan greftarton en bestoj.

JAIME ARAGAY PUJOLS
**(Fakdelegito por instruado en Barcelono)**

# EL LA NUNTEMPA LITERATURO

## JULIO CORTAZAR

Julio Cortazar naskiĝis en Bruselo (1914), sed kvar jaroj poste, li kun sia familio translokiĝis al Argentino, kie li fariĝis instruisto. En 1951 li iris al Parizo dank'al stipendio de la franca Ŝtato. Kiam la mono elĉerpiĝis, li laboris en diversaj modestaj laboroj ĝis lia posteno en UNESKO, kiel tradukisto.

El lia multnombra verkaro, elstaras «RAYUELA» (1963); laŭ onidiroj, la plej interesa verko, kastililingve verkita, post «Don Quijote». La ĉi suban rakonton ni eltiris el «Historias de cronopios y de famas».

## MIRINDAJ OKUPOJ

Kia mirinda okupo estas tranĉi unu kruron al araneo, meti ĝin en koverton, skribi «Sinjoro Ministro de Eksteraj Rilatoj», aldoni la adreson, salte malsupreniri la ŝtuparon, enmeti la leteron en la poŝtkeston de la stratangulo.

Kia mirinda okupo estas piediri sur la bulvardo Arango kalkulante la arbojn, kaj, ĉe ĉiu kvina kaŝtanarbo halti momenton sur unu sola piedo kaj atendi, ke iu rigardu, kaj tiam eligi sekan kaj nedaŭran krion, kaj giri kiel turbo, kun la brakoj bone apertaj, idente al la birdo Cakuy, kiu kondolencas sin en la arboj de la argentina nordo.

Kia mirinda okupo estas eniri en kafejon kaj peti sukeron, kaj formi amason sur la centro de la tablo, dum kreskas la kolero ĉe la bufedo kaj sub la blankaj antaŭtukoj, kaj milde kraĉi ĝuste sur la mezon de la amaso da sukero, kaj kontempli la descendon de la eta glaĉero de salivo, aŭdi la bruon de rompitaj ŝtonoj kiu akompanas ĝin, kaj kiu naskiĝas en la kontrahitaj gorĝoj de kvin klientoj kaj de la mastro, homo honesta foje-foje.

Kia mirinda okupo estas iri buse, descendi antaŭ la ministrejo, malfermi al si la vojon per frapoj de kovertoj kun poŝtmarkoj, preterpasi la lastan sekretarion kaj eniri, firma kaj serioza, en la grandan kabineton de speguloj, ĝuste en la momento en kiu pedelo vestita en bluo transdonas leteron al la ministro, kaj vidi kiel li malfermas la koverton per faldilo de historia deveno, enmetas du delikatajn fingrojn kaj eltiras la kruron de araneo, restas rigardante ĝin, kaj tiam imiti la zumadon de muŝo kaj vidi kiel la ministro paliĝas, volas ĵeti la kruron, sed ne povas, li estas kaptita de la kruro, kaj turni la dorson al li kaj eliri, fajfante, anonci en la koridoroj la eksiĝon de la ministro, kaj scii ke la sekvan tagon eniros la malamikaj trupoj kaj ĉio iros al la diablo kaj estos jaŭdo de nepara monato de superjaro.

**Elkastiliigo de: Liven Dek**

# NIAJ KONGRESOJ

Vere estas, ke nia organizaĵo la Hispana Esperanto-Federacio devas ĉiujare, kiel asocio, okazigi Ĝeneralan Asembleon, kaj por tiun aranĝi, ni starigas la esperantajn kongresojn; sed tio, kvankam tre grava, ne devas esti la precipa kialo de niaj kongresoj.

Niaj kongresoj estas gravegaj ankaŭ por nia propagando. Ordinare, ĉu en la grupoj, ĉu individue kaj izole, ni laboras kviete, sen granda frapado al la ekstera publiko kaj tio, kvankam konvena kaj necesa, ne sufiĉas. La kerno de nia afero estas la disvastigo de la lingvo Esperanto ĝis tiu estu, kunekzistante kun ĉiuj etnaj, la ĝenerala tutmonda lingvo. La dua komuna lingvo por ĉiu homo kaj ĉiu popolo el la mondo. Ni, do, devas transiri el la propraj medioj la eksteran publikon, kaj montrante la ĝenajn konsekvencojn de la tutmonda lingva ĥaoso, proponi ties gustan kaj justan solvon per Esperanto.

Sen forta alvoko por veki la ĝeneralan publikon, ni ĉiam estos eta minoritato sen iu ajn influo sur la tutmondajn historiajn okazaĵojn. Ni ne devas forgesi, ke Zamenhof kreis la lingvon Esperanto kiel ilon por la paco. Kaj ni devas esti konsciaj, ke Esperanto povos plene efiki por la paco nur tra ĝia ĝeneraligo.

Niaj kongresoj per la inaŭguro de tabuloj por nomi stratojn kun la nomo Esperanto aŭ Zamenhof, per la paroladoj, per la vizito al la oficialaj instancoj, k. t. p. estas novaĵoj, kiujn oni publikigas en la ĵurnaloj kaj atingas la publikan opinion. Esperantistaj kongresoj iniciatis viglajn esperantistajn grupojn.

La kongresoj estas konvenaj ankaŭ por ni mem. Multaj el ni nur intervidiĝas unufoje en la jaro, okaze de la kongreso, kaj por tia interrilato ni amikiĝis. Nia adiaŭo estas ĝis... Se ni ne partoprenas en la kongresoj, ni ĉiuj restas preskaŭ izoluloj, kaj la izoleco malvarmigas la entuziasmon, kaj nia tuta agado povas retroiri, ne pro la kontrastaro de la indiferenta amasa publiko, sed pro nia memvelko.

Dum la tria kongreso je 1907 en Kembrigo, Zamenhof diris: «... ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj la entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas..., tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo esperantista. Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj».

Tio dirita de Zamenhof pri la internaciaj kongresoj validas ankaŭ por niaj naciaj kongresoj kaj renkontiĝoj.

Bedaŭrinde ekzistas malfacilaĵoj por ilin estigi. Ĉe la somero, la hoteloj estas plenaj. Do, ni faru la kongreson vintre. Ofte ni ne trovas allogan urbon; ni okazigu la kongreson en la plej modesta. Proporcie nia movado estas pli enradikigita en kelkaj malgrandaj urboj ol en ĉefurboj. Ĉie povas esti altirotaj homoj por nia celo, kaj plie, pli efikas kongreso ĉe malgranda urbo, en kiu ĝi estas grava okazaĵo, ol ĉe granda urbo, kie ĝi apenaŭ estas rimarkata. Oni ne devas timi, ke pro manko de allogo ni ne havu multajn akompanantojn. Kiam ni propagandas, ke Esperanto estas facila lingvo kaj multaj akompanantoj daŭras jaron post jaro nur balbutante kelkajn vortojn, tio elmontras neseriozecon kaj pli malfavoras ol favoras nian agadon.

Niaj kongresoj povas esti festoj kaj eĉ turismo. Povas esti ĝuo por ni kaj eĉ por la simpatiantoj, sed antaŭ ĉio, kiel respondecaj esperantistoj, devas esti devo.

Ni ne devas esti mildaj homoj facile kontentigemaj. Se ni rigardas la farotan taskon ĝis Esperanto atingos ĝeneralan tutmondecon, ni povas konsideri nin ankoraŭ pioniroj, kaj por la unuaj batalantoj ne decas ripozi sur supozaj akirotaj laŭroj, ĉar se ni haltas en nia agado, la tuta afero ankoraŭ povas ruiniĝi, kaj pri tio, ni devas esti konsciaj kaj respondecaj.

Niaj ĉiujaraj kongresoj jam estas tradicio. Ili estas la videbla flago de nia prospero. Ne okazi iu ajn el la plej notindaj, estas ne nur signo sed reala fakto de dekadenco. Se pro malfacilaĵoj nia ĉijara kongreso ne povis okazi en tiu ĉi somero, ni ĝin entreprenu aŭtune aŭ eĉ vintre. Tiam ne estas malfacilaĵoj por la loĝado; ni bezonas nur pli, ol unu ferian tagon por la vojaĝo. Ke ni ĉiam povu diri: Antaŭen! Ĝis baldaŭa kongresa revido.

**G. MOYA**

# NIAJ GRUPOJ

## PEDAGOGIA SEMINARIO

La plibonigo de nia Esperanto-instruado, je ĉiuj niveloj, forte priokupas la Katalunan komitaton de antaŭlonge: jen kial ĝi decidis organizi specialan pedagogian seminarion fare de s-ro Gentil Puig el Barcelono, fakulo pri sociosingvistiko.



S-ro Gentil Puig prezentis praktikan uzon de moderna audo-vida metodo

La 1-an de novembro 1977 matene, okazis la unua sesio, kaj dum tri horoj la preleganto klarigis la diversajn aspektojn de la lingvistiko kaj sekve tiujn de la metodologio ĝis la plej moderna aŭdo-vida instrumetodo.

Post tagmanĝa paŭzo, la sesio daŭris posttagmeze per interveno de s-ano Petro Nuez, kiu analizis diversajn uzatajn metodojn kaj klarigis la unuan lecionon de sia moderna instrumetodo. Sekve Pastro Manuel Casanovas parolis pri la avantaĝoj unuecigi kaj metodojn kaj ekzamenojn laŭ la niveloj, kio donos al nia instruado la prestiĝon, kiun ĝi meritas.

La 5-an de februaro 1978 matene, okazis la dua sesio de nia Seminario, kie S-ro Gentil Puig prezentis praktikan uzon de moderna aŭdo-vida metodo.

Ambaŭ sesioj estis multnombre ĉeestataj.

Ni vojaĝis tra la historio kaj evoluo de la lingvaj instrumetodoj, kaj evidentiĝis, ke la esperantistoj tute ne profitas de la novaj metodoj, ĉar ĉiu instruanto mem elektas la de li preferatan lernolibron sen ajna konsidero pri metodologio. Estas tempo, ke ni agu serioze kaj racie kaj kunlabore, se ni deziras, ke la Esperanto-instruado eliru el la nuna stagno.

# SABADELL INFORMAS

## FRAŬLINO ESPERANTO 1978

Ĉi-jare fariĝis «Fraŭlino Esperanto 1978» Roza Ramos i Sola dum la societa Karnavala festo, okazinta la 4-an de februaro, kiun nia Grupo organizas de antaŭ multaj jaroj kun la celo distri tiujn simpatiantojn kaj familianojn, kiuj kotizas por ni societo, sed ankoraŭ ne kuraĝis enpaŝi en la lernadon de la lingvo, malgraŭ tio, ke ili almenaŭ estas konvinkitaj pri la utilo de nia idealo kaj apogas ĝin. Samtempe la festo donas al nia societo ekonomian profiton, kaj tio estas faktoro, kiun la Esperanto-Grupoj ne povas neglekti, malgraŭ nia idealismo.

Ŝi ricevis la alnomigan rubandon, kiu tekstas jene: «Pubilla Esperanto 1978», de la pasintjara Fraŭlino Esperanto Núria Serrat, kaj la Prezidanto de nia Grupo, Llibert Puig, oferis al ŝi belan florbukedon.

Kiel kutime, ni premiis la plej originalajn karnavalajn vestaĵojn en 4 kategorioj: infaninoj, infanoj, virinoj kaj viroj, kaj per varia muziko de moderna ensemblo, la partoprenantoj amuziĝis ĝis la tria horo frumatene.

## RENKONTIĜO DE ESPERANTO DE LA VALENCIA REGIONO

La 12an de Majo, en la Labora Universitato de Cheste (Valencio) okazis renkontiĝo de esperantistoj de la Valencia regiono. Al ĝi ĉeestis krom esperantistoj el Valencio, esperantistoj el Katalunio.

## GRUPO «FIDO KAJ ESPERO» DE VALLADOLID

### ESPERANTLINGVAJ PRELEGOJ

Ĉiumonate, la lastaj mardoj okazas en la sidejo de la Grupo «Fido kaj Espero», esperantlingva prelego pri diversaj temoj, laŭ elekto de la prelegonto. Tiel, januare, prelegis S-ano Angel Diez pri «Medina de Rioseco»; februare, kaj pri «Vojaĝo tra Svisujo kaj Francujo», parolis S-ano Luis Pelayo; marte, estis S-ano Antonio Gamboa kiu parolis pri «Vojaĝo tra la Nigra Arbaro»; maje, kaj pri la temo «Poluado» prelegis S-ano Luis Hernández; kaj junie, prelegis S-anino Mº Rafaela Urueña pri «Portugala Esperanto Renkontiĝo en Coimbra». Post la okazigo de ĉiu prelego, la ĉeestanta publiko rajtas demandi al la preleganto pri la temo de li traktita. Kompreneble la demandoj okazas esperantlingve kaj tio estas taŭga rimedo por perfektigi nin en la internacia lingvo.

---

### ESPERANTISTA AGADO EN SANTOVENIA DE PISUERGA

Okaze de la Semajno pri Internacia Amikeco, grupo da gesamideanoj apartenantaj al la loka societo «Fido kaj Espero», translokiĝis al najbara vilaĝo Santovenia de Pisuerga por tien okazigi diversajn aktojn kun la celo disvastigi Esperanton inter la loka loĝantaro, ĉefe inter la geinfanoj.

Je la 12a posttagmeze, Pastro Jonás Castro Diservis esperantlingve, kiu estis fervore kaj entuziasme respondata ne nur de la samideanaro sed ankaŭ de la loĝantaro de Santovenia, dank'al folioj disdonitaj je Jonás Castro.

Post komuna frata manĝado kie regis la kutiman etoson, je la kvina posttagmeze, kaj en la publika lernejo «Nicomedes Sanz», S-ino Mº Rafaela Urueña, hispane, klarigis al la geinfanoj diversajn aspektojn de la vivo kaj agado de D-ro Zamenhof. La geinfanoj sekvis kun granda intereso la paroladeton de S-ino Urueña.

## PRINTEMPA FESTO EN LA RESTADEJO DE H.E.J.S.



El plenaero, antaŭ la kadro de la bela monto Montserrat kaj ce la Restadejo de H.E.J.S., la 7-an de majo, okazis Printempa Festo omaĝe al niaj geinfanoj. La tago, escepto en la nuna printempo, estis sennuba.

Multaj ĉeestantoj: Geinfanoj, gejunuloj kaj ankaŭ esperantistoj el la tria aĝo. La festo disvolviĝis sur la herbo, ĉe arboj, kaj kiel scenejo, la impona muro el rokegaroj de la monto Montserrat, centro de Katalunio. Okazis multe da diversaj amuzaĵoj: Tradiciaj konkursaj ludoj por infanoj sub la kontrolo de plenkreskuloj, kaj reciproke, la maturuloj devis infaniĝi, kaj lude konkursi, sub la kontrolo de la infanoj.

Familia festo de la esperantista familio, meze de la naturo, kaj bela suna tago de printempo. Omaĝe al la infanoj, kiuj estas ankaŭ niaj printempo kaj espero por la daŭrado kaj sukceso de nia movado. Maturuloj sen posteuloj estas vojo al kadukiĝo. Varbi niajn proprajn infanojn en la esperantistan medion estas sinteno por sukceso. La grupoj maljuniĝas sen la reviviĝo de juna suko.

Centro de Esperanto Sabadell bone komprenas tiun aferon, kaj kune kun familio Aragay, trafe aranĝis la printempan feston.

Niaj kongresoj kaj renkontiĝoj estas solenaj, kun oficialaj seriozaj ceremonioj, por doni prestiĝon al nia movado antaŭ la ekstera publiko kaj la autoritatuloj, kaj pro tio, ili ne estas tro adekvataj por altiri la geinfanojn.

Ankaŭ al la maturuloj konvenas tiuj familiaj festoj. Spontaneaj, sen la rigideco de la oficialaj, intimaj, sen prezentado al la eksteruloj, ni tute libere kaj laŭplaĉe povis babili, sincere interŝanĝi opiniojn kaj konceptojn pri la esperantismo mem, kaj profunde interkonatiĝi. Kiel diras la Espero: «La popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian», ni tiel faris en la Restadejo de H.E.J.S. en Monistrol de Montserrat.

**G. MOYA**

# EKSKURSO TRA LA VOJO DE LA ROMANIDA ARTO

La 16an de Aprilo, dimanĉo, okazis turisma vojaĝo tra la tiel nomata «Vojo de la Romanida Arto» de la Palencia Provinco. Organizis la ekskurson la aktiva esperantistino el Palencio, F-ino Mª Jesús Martín. Tri autoĉaroj, modernaj kaj komfortaj, estis necesaj por transporti preskaŭ 200 geekskursantoj. Unue oni haltis ĉe Fromista kie oni vizitis la romanidan preĝejon S-ta Marteno, fondita dum la llan jarcento de la Regino Dª Mayor, vidvino de la Reĝo Sancho (legu Sanĉo) el Navarra. La preĝejo estas la juvelo pri romanida arto, pli pura kaj svelta. De tie, ni daŭrigis la vojon ĝis Villalcazar de Sirga kie oni vizitis la eksterordinaran Preĝejon Sta. María la Blanka» kiu iu nomis ĝin «La Meka» de la romanida-gotika arto en Palencio. Interne troviĝas la skulptaĵon de la Virgulino de la Kantigoj kaj la sepultejojn de la reĝidoj D. Felipe kaj sia edzino Dª Leonor Ruiz de Castro. Tiel en Fromista kiel en Villalcazar de Sirga, la entuziasma Pastro Jonás Castro, profesoro de la Universitato kaj granda amanto de la arto, klarigis ĉion interesan al la geekskursantoj. Antaŭ la skulptaĵo de la Virgulino de la Kantigoj rememoris la du poemojn kiu la Reĝo Alfonso X-a la Saĝulo, dediĉis al la Virgulino. Tiu de la pendanta junulo kaj tiu de la jakobea pilgrimanto.

Pro manko da tempo en Carrión de los Condes la geekskursantoj nur povis viziti la Monahejon S-ta Zoilo. Ĉi tie la artaj, klarigoj faris pastron de la vilaĝo.

De tie oni daŭrigis la vojon gis Paredes de Nava, kie la geekskursantoj ĉu en Restoracioj, ĉu en libera aereo, plenigis iliajn ja sufiĉe malplenajn stomakojn.

Je la 5ª p.m. kaj en la Preĝejo S-ta Eulalia de la menciita vilaĝo, Pastro Jonás Castro diservis esperante. La orgeno de la preĝejo akompanis la diversajn kantojn. Post la celebrado de la S-ta Meso, ĉiuj akompanataj de la Paroĥestro kaj fondinto de la Muzeo vizitis la diversajn solonojn de la Paroĥa Muzeo. Pro la intereso de la menciita Muzeo vi povas legi raporteton en ali paĝo de la nuna numero de Boletin.

Reveninte al Palencio, pluraj geekskursantoj profitis por viziti la Katedralon, nomata «La Bela Nekonatulino» pro la fakto ke multaj personoj ne konscias pri sia arta valoro.

Raportoj pri la menciita ekskurso aperis siatempe en ĵurnaloj de Valladolid kaj Palencio.

**Ĉeestanto**



# NOTAS DE INTERES PARA LOS FEDERADOS

**Nueva Junta Directiva de H. E. F.**—Como consecuencia de la votación efectuada el 30 de abril en la Reunión General Extraordinaria de la Federación Española de Esperanto, la sede de la Federación ha sido trasladada a Valladolid, calle Dos de Mayo, 4.

La Junta Directiva se compone de los siguientes miembros:

PRESIDENTA: Mª Rafaela Urueña.—Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C.
VICEPRESIDENTE: Angel Diez García.—Mantería, 30
SECRETARIO: Luis Hernández García.—Avda. Ramón y Cajal, 12-º-C
VICESECRETARIO: Jacinto Urueña Antón.—San Diego, 5-3º dr.
TESORERA: Carmen Conde Labajo.—Calixto Valverde, 8-8º-A

**Libroservo.**—Este servicio correrá a cargo del Vicesecretario D. Jacinto Urueña. Todos los pedidos deben solicitarse a Dos de Mayo, 4. Tenemos a disposición de todos cuantos lo deseen lista de existencias, que se enviará a todos cuantos lo soliciten. Se recuerda que los pagos deben efectuarse a la Libreta de Ahorro a nombre de LIBROSERVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Libreta Nº 042.268-4 en la Caja de Ahorros Popular, Oficina Central, Fuente Dorada VALLADOLID y no a otra dirección.

**Tesorería.**—Se recuerda que las cuotas de Federados son de 500 ptas. para socios abonados y de 800 para protectores. Rogamos a los socios que aún no hayan hecho efectivo este pago, lo envíen a la cuenta abierta al efecto a nombre de FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO-TESORERIA, Libreta Nº 001.664-0 en la Caja de Ahorros Popular. Oficina Urbana E. sita en la calle A. Lorenzo Hurtado, 1 de Valladolid. Rogamos asimismo no envíen las cuotas al domicilio particular de la Tesorera ni al domicilio social.

**Redacción del boletín.**—A propuesta de la Junta Directiva de H.E.F., la actual redacción continuará su labor, por ello rogamos envíen todas las colaboraciones, fotografías y sugerencias a D. Salvador Aragay. Bassegoda, 40-3º, 1º, BARCELONA-28, que como Jefe de Redacción coordinará la composición de nuestro Boletín. La edición de Boletín se efectuará en Valladolid, por lo que rogamos a los socios que deseen ampliar la cantidad de Boletines a recibir, se dirijan a Dos de Mayo, 4, desde donde se distribuirá.

**Servicio de información.**—Este servicio de H.E.F. queda a cargo de D. Ramón Molera que hasta ahora venía desempeñando el mismo cometido en la Kataluna Kunordiga Komitato. A partir de ahora, atenderá ambos servicios. Rogamos a todos los socios, Grupos y Secciones de H.E.F. le presten la mayor colaboración.

**Cursos por correspondencia de H.E.F.**—Todas las personas que se encuentren capacitadas y tengan un tiempo libre para colaborar en estos cursos por correspondencia, rogamos se dirijan a D. Ramón Molera en Moya (Barcelona) para poder continuar con esta interesante labor.

**Secciones de la Federación.**—La Presidencia de H.E.F. desearía recibir un informe de las diferentes secciones y servicios de la Federación, resumiendo su actual situación, propósitos y programas de trabajo, para conocerlos mejor, así como sugerencias que consideren interesantes. En espera de recibirlo, agradece de antemano toda colaboración posible.

**Vocalias de la Federación.**—Estando vacantes las vocalias de H.E.F. con excepción de la vocalía de Cataluña, y Baleares, y habiendo recibido ya algunas propuestas en este sentido, pero no la totalidad, se ruega a los Grupos Esperantistas que aún no lo hayan hecho, envíen candidatos para cubrir las vacantes. El plazo de admisión terminará el 31 de diciembre.

# *KION KUNPORTI*

La afero estas simpla: najbara familio mia, konsistanta el gepatroj, filino kaj filo, ĉi tiuj lastaj, dudek kaj dudekdujara respektive, decidis, en plena kaj solena familia kunveno, translokiĝi al planedo Marso.

Ne estas mia intenco eksponi, klarigi, analizi, kritiki, opinii, studi aŭ informi, kial miaj najbaraj geamikoj decidis ne plu loĝi en ĉi tiu bela kaj ampleksa planedo, kiu estas la Tero. Tio estas familia sekreto, kaj kiel bona demokrato, kiu mi estas, mi opinias ĉiun ideon respektinda.

La interkonsento pri la vojaĝo estis unuanime decidita. La plej serioza interkonsento regis inter niaj baldaŭaj eksterteranoj. La nura problemo, kiu prezentiĝas al ili estas, kion kunporti? Versajne la temo estas naiva. Ĉu ili ne translokiĝas en planedon, kie la vivokondiĉoj estas tute malsamaj al tiuj de la Tero? La respondo estas jesa kaj eĉ miaj najbaroj tion komprenas, sed ili opinias ankaŭ, ke en nia planedo estas aĵoj kaj objektoj, kiuj estas kunportindaj. Nu, por ne tedi vin, jen kion ili intencas aŭ volas kunporti al sia nova loĝloko.

**La patro**. La patro neniel volas forgesi en la Tero sian aŭtomobilon. Li diras, ke multe li devis labori por ĝin aĉeti, kaj nun li ne estas preta forlasi sian belan transportilon. Vane liaj familianoj diras al li, ke tie, en Marso, ne estas benzino, kaj konsekvence, la veturilo ne povos funkcii. Li respondas dirante, ke tio ne gravas, ke ankaŭ antaŭe en la planedo Tero ne ekzistis tia brulmaterialo, sed la homo malkovris ĝin, kio same okazos en Marso. Patro, —diras la filino— tie apenaŭ estas atmosfero, pro kio la piedirado estas pli rapida. Ĝuste pro tio —Li respondas— la aŭtomobilo ne bezonos tiom da benzino —Ho ve!—li aldonis— se tiaj kondiĉoj atmosferaj ekzistus en la Tero, kiom da problemoj estus solvitaj!— Estas multaj aliaj objektoj, kiujn la patro volus kunporti, sed el ili permesu al mi mencii la televidaparaton, ĉar alimaniere kiel mi povos —li diras— informiĝi pri la nacia futbalĉampioneco? kaj precipe, kiel koni la evoluon de la Klubo de Futbalo Barcelono? La plej bona

hispana teamo, kaj en kiu troviĝas la plej granda nombro de eksterlandaj futbolistoj? La edzino kaj la filino apogas ĉi tiun deziron de la patro pri la televidaparato, ĉar ambaŭ pensas, ke eble aperos novaj «Sandokanoj» kaj ili estos tiel solaj en Marso... Tamen la edzino absolute malkonsentas kun sia edzo, kiam li proponas, ke volonte li invitus kunvojaĝi belan najbarinon, kiu estas amikino de la familio.

**La patrino.** La edzino de nia najbara amiko, krom la televidaparato, pri kiu ili jam interkonsentis, si deziras kunporti spegulon, tiujn modernajn ilojn por plibeligi sian hararon, iujn belajn vestaĵojn, ĉion necesan por ke ŝi povu aspekti pli juna, tiujn porvirinajn revuojn, bankostumojn kaj la novajn statutojn pri la liberigo de la virino, kvankam pri ĉi tio lasta, ŝi opinias, ke ĝi estas tasko por sia filino, kiu estas pli juna.

**La filino.** Krom la televidaparato, pri kiu, mi ripetas, estas plena familia interkonsento, neniel ŝi volas forlasi en la Tero siajn pantalonojn, kiuj evidentigas sian belan korpan figuron. El la subvestaĵoj permesu al mi mencii tiun, «magian krucigon», kiu tiom reliefigas sian bruston. Ni aldonu iujn seksajn revuojn, kiujn nuntempe ŝi legas kasite. Kompreneble ŝi ankaŭ invitus sian bonan amikon kaj laborkamaradon, kiu tiel lerte scias kisi, sed pri tio ĉi sia patrino diras ne, ne, kaj ne. Do, la afabla, simpatia, amata kaj amanta amiko devos resti en la Tero, kvankam la patrino opinias, ke li jam povas veni poste. Ŝi ne volas forgesi la diskojn kaj muzikajn sonbendojn modernajn. Cigaredoj ne devos manki en sia valizo, kune kun la indeksoj de la plej famaj kanzonoj kaj kial ne!, la eta kaj moderna bankostumo; ŝi ne volas malkovri sian sekreton, sed ŝi estas tre kontenta, ke la patro kunportu la automobilon.

**La filo.** La filo ne estas postulema. Neplene interkonsentas pri la televidaparato, ĉar li diras, ke la informado politika ne estas fidinda. La filo enviciginta en la disvolvigo politika de la lando, deziras kunporti nur tiujn librojn, kiuj estos utilaj por la konstruado de la nova socio, kiun li intencas eksperimenti en Marso. Vestaĵoj kaj ceteraj naivaĵoj tute ne interesas lin. El la tuta familio li estas la sola, kiu pensas reveni al la Tero, por montri al ni la sukceson, progreson kaj bonajn rezultojn de sia nova sociordo.

Nu, karaj geamikoj, jen kion ili, miaj najbaraj geamikoj pensas kunporti; ĉu vi konsentas, ĉu vi opinias, ke estas ankoraŭ io aldoninda; se jes, bonvolu skribi al mi por ke ni povu ilin averti. Dankon.

LUIS SERRANO PEREZ



# VIª RENKONTIĜO DE PORTUGALAJ ESPERANTISTOJ EN COIMBRA

En la portugala urbo Coimbra okazis la 17an kaj 18an de junio la VI Renkontiĝo de Portugalaj Esperantistoj, organizita de Portugala Esperanto Asocio. Al ĉi tiu esperantista okazintaĵo ĉeestis ankaŭ sufiĉe multnombra grupo da hispanoj, speciale de la galega regiono kaj de Valladolid.

La akceptejo esti situata en la Ekologia Grupo de la Akademika Asocio de Coimbra. Post la kutimaj gajaj renkontoj, postagmeze ni vizitis ekspozicion pri Esperanto aranĝita de la portugalaj samideanoj en centra salono, kiu estis tre vizitata. Ĉi tie, je la 15,30 okazis la solena malfermo, salutante la S-ro Prezidanto de la P.E.A. kaj diversaj estraranoj de la portugala movado. Ankaŭ nome de Hispanio solutis la ĉeestantaron nia Prezidantino de H.E.F. dirante ke post multaj jaroj ke portugalaj esperantistoj akompanas nin dum la hispanaj kongresoj, estis preskaŭ devo de ĝentileco, ke hispanoj akompanu niajn portugalajn fratojn en tiu grava evento.

Post tiu akto, la plejmulto da samideanoj profitis por viziti la urbon, kaj ni vidis la belan preĝejon Sankta Krucon, konstruita en la XII jarcento kaj poste restaŭrita, kiu elstaras pro sia fasado el manuelina stilo. Ĉi tie estas entombigita la unua reĝo de Portugalio, Alfonso Henriques kaj sia filo Sancho la Iº.

Post vespermanĝi libere, okazis Debato-kunveno en la Akademika Asocio, sekvante modernajn kanzonojn.

La dimanĉo, 18an je la 9ª horo ni ekskursis al la romiaj restaĵoj de Conimbriga, kiu estis vilaĝo de la prakelta gento el Conii kaj estis okupita je la fino de la IIª jarcento a.K. de la romanianoj. Urbanizita dum la epoko de Augusto ĝi havis forumon kaj publikajn varmobanejojn. Post la tre interesa vizito al Conimbriga, pere de aŭtobuso ni haltis en la parko Penedo da Saudade, loko tre agrabla situata en la alta parto de la urbo, prezentas kelkajn ŝtonplatojn kun surgravuritaj poemoj de la plej bonaj portugalaj poetoj, de kiam ili studis en Coimbra. Ni ĉiuj multe fotis, car la loko estas tre bela.

Post komuna manĝado en studenta memservo, okazis la fina akto. La adiaŭa horo alvenis. Ĉiuj pensis ke du tagoj estis malmulte, sed ili estis plenaj de la esperantista etoso kiu ĉiam regas en nia movado. Ni gratulas la portugalajn organizantojn, kaj deziras ke la sekvontaj portugalaj renkontiĝoj iru ĉiam antaŭen.

**Ĉeestantino**

# 30-a INTERNACIA I.F.E.F. KONGRESO EN ROMO, KAJ TURISMO

Kongresejo ĉijare por la 30-a I.F.E.F. kongreso, estis Romo, ĉefurbo de Italio, en kies teritorio estas entenata la «Vatikan-urbo» sidejo de la Papo kaj centro de la katolika mondo.

Dum la semajno de la 13-a ĝis la 20-a de majo kunsidis 350 gekongresanoj el 18 landoj —el ili 26 hispanoj— por partopreni la fervojista kongreso; kompare kun antaŭaj kongresoj, ĉijare la ĉeestantaro tre malpliigis —precipe la junularo— kaj ne ĉeestis tiel amase, eble pro la tre malfavoraj cirkonstancoj dum la jaro, kondiĉoj kontraŭ kiuj, oni devis barakti speciale la L.K.K. kiel diris la L.K.K. prezidanto dum la malfermo. Tamen, sukcesis starigi la interparlamentan grupon de «Amikoj de Esperanto» al kies agado startos la venko de Esperanto en Italio.

Senatano Del Nero, kiu sekvas la senlacan sindonan laboron, rimarkindan pro la grava homa laboro, kiun disvolvas la Esperantistoj por disvastigi la internacian lingvon kiel elementon de interkompreno kaj unuiĝo inter la popoloj, estas la prezidanto kun pli ol tridek parlamentanoj de la interparlamentara grupo kaj certigis pri ilia deziro, helpi la esperantistojn en la batalo pri la internacia lingvo-problemo.

Dimanĉo matene okazis la diservo en malgranda kapelo de la kongresejo «Domus Pacis».

Dum la inaŭguro parolis la I.F.E.F. prezidanto, la italaj autoritatuloj, la redaktorino de «Heroldo de Esperanto», la komisiitoj de la landaj asocioj de I.F.E.F., inter kiuj, (tre aplaudita) S-ro Sibata, en la nomo de Japanujo, unuafoje reprezentita en la I.F.E.F. kongresoj.

Konkludis la vicon de la intervenoj, saluto de la ĝenerala sekretario de Tejo, kaj fine, la I.F.E.F. prezidanto Giessner, faris la oficialan paroladon kaj malfermis la kongreson.

En la kongresejo «Domus Pacis» disvolviĝis ciutage la laborsesioj de la pluraj komisionoj kaj de la estraro, projekcio de filmoj, diapozitivoj, distraĵoj kaj tiel plu. Je la dispono de la kongresanaro, estis ankaŭ la oficiala poŝtstampo de la kongreso.

Dum la forumo multaj gekongresanoj demandis pri socialaj aferoj. Al ĝi partoprenis la ĝenerala sekretario de la fervojista sindikato Saufi, Sente Bianchini, kiu informis ofi-

ciale, ke sindikato Saufi, sekve de la I.F.E.F. kongreso de Romo levos la lingvan problemon ĉe la internacia Federacio de la Laboristoj pri Transporto kaj subtenos ĉe ĝi, la adopton de Esperanto.

**La fakprelego,** temis pri la «Rektega Fervojo» inter Romo kaj Florenco. La Rektega estas tute nova linio kun 254 k-oj. kompare al la malnova kun 316 km-oj; pli ol la duono jam estas pretaj kaĵ uzataj, konstruadfino antaŭvideble en 1982. La nova linio servos por rapidaj motortrajnoj kun rapideco de 220 km/h. kaj por vartrajnoj. Pasager-trajnoj gajnos 90 minutojn. Estas elektra trakcio (3.000 volta, kontinua kurento) kaj estas plurloke interligita kun tiu de la malnova linio por atendi la konstanta granda trafiko, ĉar la triono de la enlanda fervoja trafiko, disvolviĝas inter la du urboj, pro tio, decidis fari ĉi gigantan fervojon kun 28 tuneloj, kiuj kune, havas longecon de 75 km-ojn, do, pli ol 30 procento de la linio. Teleregado de la tuta linio, estas planita de Roma Termini. Per kolora filmo, la ĉeestantoj povis kompreni pli bone la fakprelegon.

Multaj iris al la tuttaga ekskurso tra la vojo Aurelia, por vidi plurajn etruskajn tombejojn, la etruskan maran havenon de Civitavekja kaj la gravan arkeologian nacian muzeon de Tarkuinja. Aliaj iris tra la vojo Tiburtina, por vidi la Romajn Kastelojn, belajn fontanojn kaj lagojn, kaj Kastelgandolfon kie loĝas la Papo dum someraj monatoj.

Sekve de la fino de la kongreso, multaj iris al la postkongreso en Napoli kun ekskursoj per aŭtobuso al Pompei, Amalfi kaj Sorrento kaj forveturo per ŝipo al Capri por vidi la faman «Lazura Froto». Ankaŭ vizito al Anacapri kaj vilao San Michele.

**La Urba rondveturado tra Romo,** okazis la dimanĉo posttagmeze, kun profesiaj gvidistoj kaj samtempa traduko de volontulaj esperantistoj. La kongresanaro povis vidi la ĉefajn monumentojn kiel la fama Koloseo Aŭ Flavia Amfiteatro, kiu estas konsiderata kiel simbolo de la Romaj majesto kaj eterneco. Ekkontruigis ĝin Vespasianus en 72 j. p.K. kaj kompletigis Titus kiu inauguris en 80 j. p. Kristo. Tie, okazis gladiatoraj luktoj kaj bataloj, kaj 50.000 homoj povis ĉeesti por vidi la espektaklon. La longeco de la areno estis 76 m. kaj la largeco 46 m.

Ĉe la placo Venecio, staras la belega monumento «Altaro de la Patrujo».

Romo estas la urbo de la multaj placoj kaj belaj fontanoj, kiel tiu de la placo Navonna kun la fontano de la tri riveroj, aŭ la mondfama fontano de Trevi, unu el la plej belaj fontanoj en la mondo. Tiu ĉi fontano havas kiel kadron la sudan fasadon de la palaco Poli. Ĉe la centro, du grandaj tritoj trenas flugilhavan veturilon, kiu portas Neptunon. Ambaŭ fontanoj verkis Bernini. Laŭ popola tradicio, la vizitanto kiu ĵetas moneron en la konkegon, sendube revenos al Romo.

La Kastelo Sankta Angelo, Sankta Petro, ĉe la Vatikano, la Papaj muzeoj kaj Galerioj en la Vatikano, ĉio estas mirinda.

Konklude, oni povas diri ke Italio, belega lando, gardas unu el la plej gravaj artaj trezoroj de la mondo, do, sen manko, ĉiu homo amanto de la arto kaj de la beleco devas vojaĝi tien por ĝin koni.

LUIS MARTIN HERRERO



*Niaj artaj Trezoroj*

# PAROĤA MUZEO DE PAREDES DE NAVA

En la kastilia ebenaĵo, troviĝas la vilaĝo Paredes de Nava, apartenanta al la provinco Palencio kaj en ĝi la vizitanto kaj la turisto povos admiri unu el la plej gravaj parohaj Muzeoj nuntempe ekzistantaj en Hispanio.

La Preĝejo S-ta Eulalia oni konstruis je la fino de la XIan jarcento, finante la konstruadon dum la unua duono de la XVIan jarcento. De sia unua epoko oni konsevas belegan kaj sveltan turon. En ĉi tiu preĝejo troviĝas la Muzeo. Pli ol 300 artaj verkoj, disdonitaj inter la ĉefaltaro, apudaj altaroj, kaj en ok ĉambroj speciale aranĝitaj por gardi la diversajn artajn juvelojn, konsistas la Muzeo.

La Muzeo kreita dank'al entuziasmo kaj amo pro la arto de la Paroho de S-ta Eulalia, S-ro Alejandro Luis Aguado estas, laŭ vortoj de la tiama Direktoro pri Belaj Artoj, S-ro Gratiniano Nieto «Ekzemplodona Paroha Muzeo». Ĝi estis inaŭgurata la 13an septembro 1964 kaj ĝi estas ĉiutage vizitata de ĉiuj kiuj vere interesiĝas pri artajoj kaj ĉefe kiuj ŝatas kaj amas la kastilian skulptarton.

La plej elstara verko, kiu oni povas admiri en la Proha Muzeo de Paredes de Nava troviĝas en la ĉefaltaro. Ĝi estas la dekdu pentritaj tabuloj de la genia kastilia pentristo Pedro de Berruguete. Li pentris la tabulojn kiuj reprezentas bibliajn reĝojn, kaj scenojn de la vivo de la Sanktega Virgulino, inter 1.478 kaj 1.482. Ili estas la plej altrangaj elmontroj de la arta verko de la elstara kastilia artisto. En la sama ĉefaltaro troviĝas diversaj skulptaĵoj, inter kiuj tiu pri la Kalvaro ĉe la supra parto de la altartabulo kaj tiu pri la Naskiĝo de la Virgulino artkreis Inocencio, familiano de Pedro Berruguete.

Dekstren de la ĉefaltaro troviĝas altartabulon de la kastilia skolo de la 16an jarcento. Inter la diversaj artaĵoj tien situataj ni mencios: La kvar evangelistojn kun iliaj simboloj, la Revivigon kaj Levigon de Kristo, kies aŭtoro estas Inocencio Berruguete, kaj S-ta Joaquin kaj S-ta Ana, skulptaĵojn de la skolo de la genia skulptisto Juan de Juni. Ankaŭ la Muzeo enhavas aliajn skulptaĵojn kaj pentraĵojn de la kastilia skolo kaj diversajn ekleziajn objektojn, sed ili estas tiel multnombraj ke ni rezignas nomi ilin en ĉi paĝo.

Notinda estas la fakto ke ĉio ekspoziita en la Paroha Muzeo de Paredes de Nava estas ĉu de la preĝejo mem, ĉu de aliaj preĝejoj de la sama urbeto.

Krom la jam menciitaj artistoj, la Muzeo gardas artverkojn de diversaj skoloj, ĉefe de la kastilia, sed kies aŭtoroj, kun tre malgrandaj esceptoj estas tute nekonataj kaj tio signifas ke grandaj agoj estas laboro de sennomuloj, kies verkoj nuntempe garditaj en Muzeo parolas al ni pri la grandeco de pasinta tempo.

L. HERNANDEZ

# DEZIRAS KORESPONDI

S-ro R. Haddon.—Chamberlain Hall, Glen Eyre Road.—Southampton 509 1W4 ENGLAND (ANGLUJO)

Hungara lernantino de 7a klaso F-ino Arvai Tünde, 7629 PECS, Frankel Leó 17, HUNGARIO

S-ro Wojciech Milewski, 88-140 Gniewkowo, Osiedle 700-lecia 2/9 POLLANDO

S-ino Helena Piasecka, M-227 Kaminisk/Bartong, Hg OLZTYN. POLLANDO

Informoj pri la internacia esperantista organizaĵo, Mondpaca Esp. Movado kaj ĝia organo «Paco» vi ricevos de S-ro Luis Serrano Pérez, Font. Nova 32. Sabadell (Barcelono) HISPANIO

Kun francaj junulinoj deziras korespondi du novaj esperantistoj. Skribu al S-ro Miguel Marbán de Castro, San Bartolomé 4-2º ZAMORA (HISPANIO)

Se vi deziras korespondi kun Bulgario, vi povas skribi al la jena adreso: Esperanto-Societo «Georgi Stanev» S-ino Nadja Borisova (Prezidantino) Orjahovo (BULGARIO)

S-ro Michael Achudel.—2500 Rt. 193, Dorset, Ohio 44032 USONO deziras korespondi kun hispana junulo inter 12 kaj 17 jaraĝa

Se vi deziras korespondi kun japanoj skribu peslitere vian aĝon, profesion, hobion kaj adreso kun foto: Japana Esperanto-Instituto.—Waseda-Mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio 162 JAPANIO.

Prof. pri Esperanto deziras korespondantojn por novaj gelernantoj: Eugeno S. Perevertajlo.—P.K. 140, SU-700.000 Taŝkento. Poĉtamt Uzbekio U.R.S.S.

F-ino M. Eleanova.—Bul. Lenin bl. 30 vh Bap 115.—BG-1184 Sofia (BULGARIO)

S-ro S. Kukuŝev-Oboriŝtê 15. BG-4. 550 Pestera (BULGARIO)

S-ro R. Michna.—N-ro 295-CS 742 75 Lichnov, Okres N. Jiĉin (CEHOSLOVAKIO)

**Novedades en el servicio de venta de libros de la Federación**

| | |
|---|---|
| Artzlicher Dolmetscher (Gert y Uta Hoyer) .................. | 950 ptas. |
| Internacia Lingvo en Eklezio kaj Mondo (Korytkowski) ...... | 600 ptas. |
| Doña Bárbara (R. Gallegos, trad. F. de Diego) .............. | 350 ptas. |
| Ingenia Hidalgo D. Quijote de la Mancha (Cervantes) ....... | 2.500 ptas. |
| Sklavoj de Dio (G. Gárdonyi, trad. Hamvai) ................ | 300 ptas. |
| Sankta Francisko (S. Riabinin) ............................ | 475 ptas. |
| Ekumenismo kaj Internacia Lingva Problemo (Korytkowski) .. | 300 ptas. |
| Francisko el Asizo (N. Van Doornik, trad. Mulders) ........ | 600 ptas. |
| Himno de la kreitaro (colección de postales en color) ....... | 100 ptas. |

# RECENZOJ RECENZOJ RECENZOJ

**ARGENTINA POEMARO.** Eldonis: Argentina Esperanto Muzik-eldonejo.

Jen la tria disponebla traduko de argentinaj poemoj ĝis nun aperintaj. La unua estis la jam tre fama «Martenfero» kaj la dua «Santos Vega», sed nun aperas en 1978 ARGENTINAN POEMARON kie vi povas trovi 18 poemojn de diversa longeco, verkitaj de dek aŭtoroj.

La libro, tradukita de Horaco de Diamanto, Bastono de Kordobo kaj Ergoto de Bonaero, prezentas dek ok poemojn plenaj da intereso kaj de bona stilo.

Tiuj poemoj estas akompanataj de ilustraĵoj pri la diversaj scenoj pri kiu temas ĉiu poemo. Tralegante ĝin, vi povas pli bone koni la vivon de tiuj verkistoj, kies biografio aperas en la unuaj paĝoj de la libro, kaj daŭrigante la legadon, vi restos emociitaj pro la diversaj stiloj de ĉiu poemo, ĉu historiaj, ĉu intimaj, kaj eĉ kun kelkaj gutoj de melankolio.

Kvankam ne multaj paĝoj, nur 64, ni pensas ke almenaŭ ni devas danki la Argentinan Esperanto Muzik-eldonejon pro la grava klopodo kiu signifas eldoni specimenon de argentinaj poemoj, ne tre konataj de la plej multo el la legantoj, ĉar post ĝia legado, ni pli bone konos la argentina literaturon, pere de tiuj poemoj, elektitaj zorge inter centoj.

Do, al S-ro Horacio Ré, Direktoro de Argentina Esperanto Muzik-eldonejo, ni speciale, hispanoj, devas danki tiun verkon kaj gratuli sian gravan klopodon.

**R. U.**

**VIVO DE ZAMENHOF,** de D-ro Edmond Privat
Represo de la 5ª eldono-Junio 1977
Bindita: 133 tekstpagoj, 15 fotoj
Prefere oni mendu ce enlanda libroservo. Se tio ne estas eble, rekte (kun antaŭpago je afranko 50c) ĉe la eldonisto.

THE ESPERANTO PUBLISHING COMPANY
9 Maycock place, Orelia (W.A.), 6167 AUSTRALIO

Mi povas diri pri la verko kaj sia aŭtoro, parto de la frazo kiu aperas ĉe la fino de la Antaŭparolo al la unua eldono «Ni povas nin gratuli la sindonan helpon de tiel sperta, fervora kaj talenta esperantisto, kiel D-ro Privat, al kiu ni ŝuldas sinceran dankon pro ĉi tiu bona kaj simpatia historio de la vivo de nia majstro».

La libro traktas, samtempe, inter aliaj aferoj, pri la naskiĝo kaj evoluo de la lingvo Esperanto, la malfeliĉa vivo de D-ro Zamenhof, sia amo por la homaro, sia sindonemo kiu devigis vivi mizeran kaj suferan ekzistadon.

Fine, mi aldonas: ĉi verko estas sufiĉe konata inter la esperantistaro, sed ne devas resti iu ajn esperantisto sen legi ĝin.

**A. Díez**

# VIVO DE LA PENTRISTO «EL GREKO»



Domeniko Theotocópoulos naskiĝis en Candia, insulo el Kreto, en la jaro 1541. Ne estas bone konata sia familia origeno. De orient-katolika familio, ŝajnas ke li komencis labori kiel lernanto en pentrista metiejo en sia insulo. Poste, li foriris per ŝipo en Venecio, kie eble en 1567 eniris labori kun la fama pentristo TIZIANO, kiu parolis pri «mia kuraĝa juna disĉiplo» en letero de 2-12-1567 adresita al la Reĝo Filipo la IIª.

En 1570 li jam estas en Romo, kie li konas Giulion Klovis, kiu rekomendis lin al la Kardinalo Aleksandro Farnesio. Tiamaniere, Theotocópoulos povas eniri en la palaco Farnesio kaj interkoni la plej elstaran societon el Romo.

Ŝajnas ke estis Mancini kiu alvokis la junulon Domeniko per kronnomo «El Greko», kiu poste akompanos lin dum sia tuta vivo. Dum julio 1577 Domeniko jam estas en Hispanio, en urbo Toledo, kie li loĝos ĝis la fino de sia vivo.

Dum 1575 kaj 76 la pentristo iris de la kortego por pentri kun Pompeo Leoni aŭ Tiziano, ĉar en tiu epoko Toledo estis nomata «Imperia Urbo» kaj tien loĝis la plej elstaraj verkistoj kaj artistoj de la XVIª jarcento.

Li bone vivis dank al sia laboro. Iom post sia alveno en Toledo, li konis F-inon Jerónima de las Cuevas, riĉa junulino kun kiu li ne povis geedziĝi sed kun kiu li havis filon, kiu vivis ĉiam kun sia patro.

Li multe pentris en sia bela kaj granda domo en Toledo, ekde kie li vidis la riveron Tajo.

Dum siaj lastaj jaroj da vivo, malsano atingis lin. Ĉu eble vidmalsano? Ĉu eble freneza malsano? Certe sia kapableco multe damniĝis. Li faris testamenton favore al sia amata filo kaj lia familio (edzino kaj filo) kun kiuj ĉiam vivis la Majstro.

En sia hejmo li gardis ĉiujn originalojn el siaj pentraĵoj. Li havis malmultajn sed bonajn amikojn, du personojn kiel servistoj, kaj nur sian filon kiel helpanto en sia metiejo. Li ĉiam laboris en malheleco kovrante la fenestrojn per kurtenoj. Li diris ofte ke la ekstera lumo konfuzis sian internan propran lumon.

La 7an aprilo 1.614 forpasis la Majstro, en Toledo, inter la doloro de siaj amikoj kaj kleraj toledaj personoj, prave konfirmita en verko de hispana poeto Góngora.

SAMIDEANO

# PRI LA KOMENCO DE LA OKCIDENTA MUZIKKULTURO

Se oni aŭdas kanton de hungaraj kamparanoj oni povas konstati ke ili kantas **unisone** t.e en oktavoj. Ne nur la urbanoj, sed ec la kamparanoj mem sentas en ĉi tiu okazo ke ili kantas ĉiuj la saman melodion.

La plejmulto de la muzikantoj kaj muzikaŭskultantoj pensas ke la oktavo kiel preskau identa tono ekestis en la pratempoj, kiam oni ne scipovis eĉ legi kaj skribi. Sed ĉi tiu opinio estas erara.

La unua ŝtupo de la «Eŭropa» kaj «okcidenta» muzikpercepto aperis en formo de muzikaj kutimoj en Antionio-ĉefurbo de la antikva Sirio— kiu jam ekde multe da tempo estis vigla haveno kaj unu el la centroj de la mondmerkato. Ne mirinde, do, ke multaj opinioj, multaj perceptoj kaj religioj renkontiĝis ci tie. Ankaŭ la lulilo de la kristanismo troviĝas en tiu regiono.

Sed ankaŭ aliaj orientaj lokoj rolis kiel bazoj de la nova religio kaj novaj ideoj de la kristanismo. Interese estas, kiel priskribis la juda filozofo kaj teozofo Filon de Aleksandrio la diservon de la antikvaj kristanoj dum la komenco de la dua jarcento p.K. Post la prediko daŭris la diservo tiamaniere, ke unu el la adeptoj kantis melodion laŭ sia propra invento (li do improvizis), aŭ himnon de la poetoj de l'antaŭaj tempoj. La kredantoj —viroj kaj virinoj aparte— grupiĝis kaj kantis kantojn, unu grupo post la alia; ĉiu grupo havis sian antaŭkantanton (aŭ kantantinon). Post tio la du ĥoroj —grupoj— unuiĝis je komuna kanto. Ĉi tiu komuna kanto estis ne nur por la partoprenantoj, sed ankaŭ por la aŭskultanto profunda travivaĵo.

Povas esti, ke en la granda amaso de la tiama popolo —do, en la rondoj de la sklavoj kaj kamparanoj— ĉi tiu maniero de kantado jam estis konata. Sed la fakto ke, la aŭskultanta filozofo trovis ĝin eksterordinara travivaĵo, montras ke la izoleco de la «popola» muziko de l'supraj klasoj malhelpis la enkondukon de kelkaj muzikaj esprimiloj —eble jam atingitaj per la evoluo de la kulturo en la muzikkulturo de la regantaj pli altaj klasoj— en klasojn de la sklavposedantoj.

Tre interese estas, ke en la verkoj de la antikvaj grekaj dramoverkistoj ni ankoraŭ ne renkontiĝas kun la samtempa kantado de altaj kaj malaltaj voĉoj. En la dramo de Aishilo, Eŭripido kaj Sofoklo, viroj kaj virinoj neniam kantas samtempe. El tipo ni prave povas konjekti, ke en la IV-V° jarcento a.K. eĉ la tiamaj grekoj, kiuj jam atingis altan gradon de la kulturo, ne alvenis al la kunkantado de viroj kaj virinoj. Estas same interese, ke en la dramoj de Eŭripido la virinaj ĥoro —grupoj eksonas plej ofte: el la 16 dramoj de li nur 6 enhavas viran ĥoron (se ni konjektas ke en la dramo «Ion» la ĥoroj estas virinaj-eĉ nur 5—) En la dramo de Eŭripido **Alkesto** eksonas ĥoro de nobelaj maljunuloj de Tebas. En ĉi tiuj okazoj ni staras antaŭ du ekzemploj de malaltaj voĉoj.

La eksterordinara travivaĵo de **Filon** de Aleksandrio montras ke kvazaŭ antaŭ li ekestis io tute nova, ĝis tiam en la alta muzikkulturo ne ekzistanta arta esprimilo, en la kantado de la fruaj kristanoj: la kantado de viroj kaj virinoj.

La kutimoj de la pratempo bone montras frazo el la Nova Testamento. En la I Epistoloj de Paolo al la korintanoj ni trovas la sekvan ordonon: «La virinoj silentadu en la Eklezioj, ĉar ne estas permesite al ili paroli, sed ili submetiĝu, kiel ankaŭ diras la lego» (Capitro 14, verso 34). Ĉi tiu ordono baziĝas laŭ la ĝis nun diritaj, ne nur sur sociaj cirkonstancoj (sur la regulo ke la viro ludu la rolon de mastro kaj ordonanto) sed estas evidente, ke la muzika percepto en la tempo de la koncepto de la epistolo, la muzika sento ankoraŭ ne evoluis tiamaniere, kiel laŭ priskribo de Filon ekaperas ne multe da tempo poste.

La priskribo de Filon pruvas ankaŭ, ke la radikoj de la Eŭropa kaj Okcidenta muzikkulturo, la sortformiga muzikkultura evento, per kiu komenciĝas nia hodiaŭa muziko, etendiĝas trans la limojn de Eŭropo.

**LAJOS LESZNAI**
**«Hungara Vivo» № 6-1977**

# LA INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTOJ INSTRUISTOJ INFORMAS

De la komenco de septembro 1977, ni ricevis korespondaĵojn kiuj montris nekomunan intereson pri I.L.E.I. kaj pri Esperanto kaj ĝia enkonduko en la lernejoj. Jam en la Hispana Kongreso de HEF okazinta en Sabadell pluraj instruistoj manifestiĝis kaj aliĝis al la ligo.

La Elementa koresponda kurso, etendiĝis al la geprofesoroj de G.B.E. kaj nun nombras 203 enskribitojn el ciuj la hispanaj provincoj. Por apogi nia kampanjo favore la enkonduko de Esperanto en la 2ª fazo de la Generala Baza Edukado, ni tradukis hispanlingve kaj eldonis la faldaĵon de la svisa Asocio «L'Esperanto a l'école» titolita «Kial Esperanto en la lernejo» en nombro da 5.000 ekzempleroj. Samtempe, ekde septembro ni komencis en Radio Popular de Alicante programon «Dek Minutoj de Esperanto» ĉiu vendredo je la 11ª matene. Poste, pro la granda sukceso de tiu programo, ni estis devigataj ampleksigi ĝin al duonhoro kaj sanĝi gin al pli taŭga tago kaj horo, tio estas, jaŭdoj je la 8ª vespere por ke la infanoj de la lernejoj povu gin aŭskulti.

Ni nomis 31 provincaj delegitoj de I.L.E.I. kiu respondecas pri ilia provinca laboro kaj kontaktoj kun gekolegoj.

Ankaŭ ni eldonis la verkon «Una lengua para todos: Esperanto» kie unuafoje oni uzas la perfrazan Metodon por alglui al montrofenestroj kaj ventsirmiloj por propagando de Esperanto.

Grava estas ke S-ano Félix Navarro laboras bonege en la Labora Universitato de Cheste —Valencio— kaj lia gazeto «Zodiako». Fine, nur diri ke ni estas preskau 300 membroj.

F. ZARAGOZA RUIZ

# RIMARKO

Kara leganto; Eble la enhavo de ĉi tiu numero de BOLETIN, unuafoje eldonita en Valladolid, ne tute plaĉas al vi. Sed pensu ke ĝi aperas kun granda prokrasto kaj ni ne volis publikigi informojn kiuj en la momento de la ap[illegible] tute ne estas novaĵoj.

[illegible] ke venontaj numeroj estos pli allogaj. Do, sendu viajn kunlaboraĵojn tuj al Ĉefredaktoro de Boletin S-ro Aragay.

# LARMOJ

Suno brilas en la tago
kaj steloj en la nokt',
luno lumigas kamparon,
dolĉe sopiras mia kor'.

Du ciganetoj rigardis
kiel donis mia mano
ok pesetojn, dum mi diris:
kuru, aĉetu vian panon!

Sed vidante kies palaj
estis iliaj mienetoj
brilis tuj du larmoj samaj,
kiel du arĝentoj perletoj.

ROSARIO ROMERO